XIV[a] jaro. N[o] 207 (11) ☆ Monata ☆ 5 novembro 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAJOJ

# NOVA SPIRITO

El tio, ke en la daŭro de tri militjaroj neniu armeo ankoraŭ sukcesis plene venki, laŭ la malnova senco de tiu esprimo, oni tamen ne konkludu, ke, senfrukta el la tradicia militista vidpunkto, la milito ankaŭ estis tia rilate al la movado de la ideoj.

Dum rapide atingita venko estus ebriiginta unu partion kaj korpreminta la alian, nenion ŝanĝante rilate al la potenco de la ekzistantaj ideoj — tiuj ideoj, kiuj, nutrinte generaciojn, nun kadukiĝinte kondukas la mondon al la abismo — la sendecideco de la militistaj operacioj iom deturnigis la atenton de la homoj for de la materia milito, kaj inklinis ilin pripensi pli multe pri la senco de la batalado kaj propra valoro de la milita ideo. Perdinte siajn iluziojn ĉe la vido de la moderna milito, kiu ignoras iliajn venkaspirojn, ili ekserĉas, ĉu ekzistas aliaj rimedoj ol la perforto por ĉesigi la nunajn terurajojn kaj eviti estontajn.

Sub la influo de la sangoplena sperto, komencas disvastiĝi inter la popoloj kaj eĉ inter la kutime tradiciemaj regantoj tiaj veroj, kiuj hieraŭ estis de la granda plimulto de la homaro konsiderataj kiel utopiajoj. Ili nun malsupreniris el la regiono de la nubaj revoj kaj ekfariĝas gvidantaj principoj de nova mondpolitiko. Ilia triumfo signifos la starigon de nova ordo internacia, la komencon de nova epoko en la vivado de la popoloj.

Nacia libereco, demokratia regado, internacia ŝtatligo, tiaj estas la postuloj de la moderna penso antaŭ la multaj problemoj starigitaj de la milito.

*Nacia libereco*, tio estas justa dispartigo de la teritorioj konforme al la volo de iliaj enloĝantoj, solvado de la naciaj demandoj per senpera konsultado al la veraj interesuloj, forigo de la anarkia rajto je militakiro, de la danĝera pretendo pri la strategiaj landolimoj, de la atakema kaj neniam sata imperialismo, respekto al la memstareco de ĉiuj popoloj, kiuj estu traktataj kiel aroj de pensokapablaj homoj, ne kiel negoceblaj brutaroj. El tio sekvu ankaŭ, kiel logikaj konsekvencoj, la respekto al la naciaj malplimultoj, la kreskanta liberigo de la neeŭropaj popoloj, la forigo de la ĝisnunaj barbaraj kaj spekulaĉaj proceduj en la koloniaj aferoj.

*Demokratia regado*, tio estas rajto de la nacianoj efike kontroli la agojn de la naciestroj kaj mem decidi pri la regnaj aferoj, malapero de la aŭtokratiaj, absolutismaj aŭ pseŭdodemokratiaj reĝimoj, forigo de la kaduka sekretdiplomatio, kiu post ĉiu milito diligente teksas la fadenojn de novaj militoj. Sed ni ne lasu nin trompi per la brilo de la vortoj. Demokratio vere ekzistos nur kiam la homoj vivos sub ekonomia reĝimo, kiu pli juste, pli racie dispartigos la riĉajojn inter ili kaj malaltigos la potencon de la mono.

*Internacia ŝtatligo*, fine, tio estas kreo de jura ligilo inter ĉiuj nacioj konsiderotaj, ne kiel apartaj kaj konkurantaj organismoj, sed kiel elementoj de pli vasta unuo ampleksonta la tutan civilizitan mondon, fino de la barbara aĝo de l'militarismo, forigo de la absurdaj interpopolaj malamoj, kaj, sur la vasta kampo de l'homa penso, triumfo de la internaciismo, kiu ĝuste komprenata prezentas al la homaro novajn perspektivojn, la esperon de luma estonto.

Tra la densa plektajo de la homaj antaŭjuĝoj, malgraŭ ĉiuj malhelpoj, kiujn starigas la malklero, la rutino, la pasiveco de la malprogresemaj homoj, tiuj ideoj antaŭeniras kaj pli

kaj pli sin trudas al la priatento de ĉiuj popoloj. Forpelataj estos la gvidantoj, kiuj ne ankoraŭ komprenis, ke la militskuego estas naskanta novan spiriton, novan idearon, novajn metodojn.

Ni fidu: venko venos. Ne tiu venko, kiu sur amasoj de kadavroj kaj tra riveroj de sango altigos nacion super aliaj nacioj, kaj post kelkaj jardekoj ĝin refaligos al la abismo, sed tiu fruktodona, kreanta venko, kiu direktante la spiriton de la homoj al la samaj raciaj solvoj, morgaŭ liberigos ĉiujn popolojn kaj postmorgaŭ ilin nerompeble unuigos.

*H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## Eŭropo post la milito

*La hipertrofio de la ŝtatoj*

Al la plej neeviteblaj kaj plej fatalaj sekvoj de grandaj militoj apartenas la pligrandiĝo de la ŝtata potenco je l' malprofito de la individuo, apartenas la plimultiĝo de la oficistaro kaj de la loĝantaro dependa de la ŝtato por sia vivteno, la pliiĝo de la publika monbezono kaj sekve de la impostoj, apartenas ankaŭ la novaj monopoloj kaj la progresanta limigo de la privataj akirrimedoj.

Nur malmultaj personoj komprenas, kiom multe tia truda enmiksiĝo de la ŝtato en la ekonomia kaj spirita vivo de la nacioj, la koncentrigo de la potenco en la manoj de centra aŭtoritato, devige iom post iom malpliigos la politikan liberecon — kaj speciale kiom malfacila fariĝos la tasko, post la milito, repreni la ŝtatsocialistajn akirajojn. — Oni ofte atentigis (vidu „Man versus state" de Spencer) pri tio, ke nenio povus pli efike akceli la disvolvon de la moderna ŝtato, kaj fari el ĝi la idealan socialistan ŝtaton de la estonto, ol grandega milito; kaj la okazaĵoj, kies atestantoj ni estas de du jaroj, plene certigis tiun antaŭdiron. Ĉu ni ne vidas la ŝtaton etendi tian kuratorecon al gravaj fakoj de l'industrio, de la granda kaj malgranda komerco, eĉ de la banko? Estos do tre malfacile post la paco, neniigi ĉiujn tiujn aranĝojn. Pretekstante malhelpi procentegajn gajnojn, la ŝtato altrudas al gravaj industrioj vendoprezojn kaj maksimumajn gajnojn — kaj tiamaniere iniciatas danĝeregan katenon de l' industrio, laŭ socialistaj principoj. Aliloke publikaj kaj duonpublikaj organoj (la pruntokasoj) decidas pri la paga fidindeco de la burĝoj. En Germanujo oni projektas por la postmilita tempo, por la akiro kaj vendo de la karbo, sindikaton provizitan per senlimaj potencoj. Aliaj devigaj sindikatoj (ankaŭ en Svislando) monopoligas la en- kaj eksporton de certaj komercaĵoj, precipe de krudaĵoj, kio por la komerca libereco de la unuopuloj signifas danĝeron ne malgrandan! Ĉiuloke la sangaj oferoj de la milito ŝajnas sugesti al la demokrataj politikistoj la penson, ke la ŝtato havas rajton disponi pri la posedaĵo de la privatuloj, kaj unu importprojekto post la alia ekprovas konkretigi tiun penson.

Tiu ĉi disvolvo tre verŝajne longe daŭros! Precipe la okcidentaj ŝtatpotencoj estos devigataj foroferi al la ŝtata intereso pli ol unu parton de sia tradicia liberalismo. Dum Germanujo, per speco de interna premo, komence entuziasme sin dediĉis al la „mitlitsocialismo", la *Entente*-potencoj spertas tiun disvolvon nur kontraŭvole. La „militistigo de la nacia mastrumado" nur komenĉigas, kaj bezonos kelkajn pluajn militjarojn — kaj precipe malfaciligon de la transmara importo — por ke ĝi ankaŭ iru tiun vojon. Kiu scias, kiujn gravegajn antaŭrimedojn la registaroj, post konkludo de la paco, estos devigataj alpreni, pro la neceso subteni milionojn da personoj, okupi invalidojn, rifuĝintojn kaj senlaborulojn, kaj restarigi ruinigitajn industriojn!

Konkretan esprimon de tiu ŝtata hipertrofio ni vidas en la kreskado de la ŝtataj elspezoj kaj de la de l' ŝtato dependanta loĝantaro. Ĉiu devas ekkoni la danĝeron, al kiu estas elmetata la politika libereco de popolo pro la senpera dependeco de certaj klasoj de la centra potenco. Oni ja scias, kiel en la estinto la „oficistarismo" t. e. la ekzisto de multnombra oficistaro, provizita de la ŝtato je la ĉiutaga pano, malhelpas la sendependecon de la opinioj kaj la iniciatemon de la civitanoj. Kio do estos, kiam estonte, kiel ni baldaŭ vidos, triono kaj pli de la tuta loĝantaro manĝos la panon de la ŝtato? Ĉu tia societo ne *devige* iom post iom kutimiĝos, atendi de la ŝtato ĉian savon, kaj malatenti ĉian privatan memhelpon, kiel nesufiĉan kaj malsimplan rimedon?

Ni do faru la kalkulon! Estu nia ekzemplo Francujo, kies ŝtata, departementa kaj komunuma oficistaro (ne enkalkulante la ŝtatajn fervojistojn), je la 1 januaro 1913, konsistis el sufiĉe precize 1 miliono. (Ŝtato 666,400, departementoj 62,500, komunumoj 221,600, la cetero oficistoj de la kolonioj kaj de „Etablissements publics"). Sendube tiu ĉi nombro de ŝtatoficistoj tre pligrandiĝos post la milito. La nuraj militistara kaj ŝipara organizoj, enkalkulante la novajn oficirojn, rekrutinstruantojn, la komisionojn pri municio k. t. p. kaj la personaron de la ŝtataj armfabrikejoj, se ne okazas senarmigo, post kelkaj jaroj postulos plimultigon da 100,000 homoj. Sed ankaŭ en ĉiuj aliaj dikasterioj, eĉ en departementoj kaj komunumoj la milito postlasos multegon da novaj organoj, oficoj, komisionoj k. t. p. kun multnombra personaro. Estos necese, havi milojn da novaj oficistoj por la sola financa administrado, por la disdivido kaj kolekto de novaj impostoj kaj limpagoj, por malebligi forkuron kaj kontrabandon, por disdoni la helpmonon, ne konsiderante la eblan starigon de novaj monopoloj kaj ŝtataj entreprenoj . . . Ni ne eraras, taksante la okazontan plimultiĝon de la civilaj oficistoj ĉiuspecaj komence 50—60,000, post kelkaj jaroj ĉirkaŭ 100,000 individuoj. Fariĝos do, post ne tre longa tempo, pliiĝo de la franca oficistaro je 200,000 homoj. Plue la ŝtato devos zorgi pri 5—600,000 vidvinoj, pri unu miliono da invalidoj, vivantaj tute aŭ ĉefe per helpmono, kaj ankaŭ pri netaksebla nombro da civilaj viktimoj de la milito, precipe el la okupataj regionoj.

Al la nomitaj ni devas alkalkuli la eksmilitistojn aŭ laboristojn de la fermitaj laborejoj, kiuj pro la milito perdis siajn oficojn aŭ gajnojn, kaj kiuj kiel senlaboruloj postulos, almenaŭ por kelka tempo, ŝtatan helpon. Ni supozu kiel daŭre bezonantaj helpon (ekskludante la jam cititajn kategoriojn) nur 200,000, ni jam havas du milionojn da helpindaj plenkreskuloj. Aldone venas ankoraŭ la granda nombro de la malnovaj kaj novaj ŝtataj rentuloj, el kiuj minimume plua duonmiliono havos sian ĉefan vivtenon el siaj rentoj. Ilia nombro sendube kreskos kun la venonta ĉiamigo de la pendantaj militŝuldoj, dum samtempe la nombro de la helpitoj iom post iom malpliiĝos. Ĉion konsiderante, por la unuaj jaroj post packontrakto, ni havos pli ol 3½ milionojn da plenkreskuloj dependantaj de la ŝtato por ilia vivteno, kaj se ni aldonas la familianojn, 11 milionojn, kio respondas je 25—30 % de la tuta franca loĝantaro antaŭ la milito.

Post trijara milito unu triono de la franca loĝantaro estos subtenota de la ŝtato — kaj la plimulto el la aliaj militantaj regnoj ne estos en pli bona situacio.

***W. Eggenschwiler.***
**Trad.: *A. C.***

# Progresoj de la kontraŭalkohola leĝaro antaŭ kaj dum la milito

I

La mondmilito ĉie malvigligis la internacian kaj nacian vivon de la societoj. El tio kompreneble ne faris escepton la societoj kontraŭ la alkoholo. Plej ofte eĉ en la neŭtralaj landoj ili haltis aŭ malprogresis. Mankas la kuraĝo; la okuloj estas timeme aŭ pasie direktataj al la militaj okazantaĵoj. Sed kontraŭe montriĝas ĉe la militistaj kaj eĉ ĉe la civilaj estraroj, ke la longa kleriga laboro de la abstinencaj societoj kaj ilia ekzemplo faris pli profundan impreson ol oni ĝis nun kredis. Kion la registaroj pro malzorgo kaj rutina maldiligento ne faris ĝis nun, al tio puŝis ilin timo kaj neceso; sin apogante sur la spertoj de la abstinenculoj ili ekkonfliktis preskaŭ ĉie, eĉ en neŭtralaj landoj, kontraŭ la interesoj de la brand- kaj bierfaristoj, malpli kun tiuj de la vinproduktistoj. La sekvo estis neatendita progreso de la malpermesa movado, malgraŭ tiuj artifikoj de la interesuloj, kiuj ne hontis vestigi sian profitemon per patriotaj mensogfrazoj. La plej grandioza fakto okazis en Rusujo. Kun ĉi tiu ni komencu:

*Rusujo:* Ankoraŭ ĉe la kontraŭalkohola kongreso en Milano 1913, la rusa registaro reprezentigis sin de iu favora al alkoholo, grafo Skarzinski. Tiam mi malkaŝe kulpigis la rusan registaron je hipokriteco, tiel longe kiel ĝi ne limigos la 1 ½ miliardon de siaj jaraj enspezoj el la alkohola monopolo anstataŭ ilin ĉiam pligrandigi. Kun la eniro de Bark en la rusa financa ministerio, kun la publika helpo de grafo Witte, de Ĉeliŝof (Duma-deputito, kiu montris titanan fervoron por la malpermeso de l' alkoholo) kaj, kiel oni asertas, kun la kaŝita influo de la popo Rasputin (vere tio estus lia sola bona ago) je la caro, ekblovis subite de januaro 1914 nova vento. Frapo post frapo, kiel mi eksciis el fidindaj informoj, oni starigis la plej severajn regulojn en la armeo kiel en la civila administro, ne sin okupante pri la monopolaj enspezoj, kaj oni favoris la malnovan malpermesrajton de la komunumoj, kiun ĝis tiam oni estis subpreminta.

Apenaŭ mi trovis tempon miri pri tiu ŝanĝo, kiam je la militeksplodo komence de aŭgusto okazis la tute eksterordinara ordono de l' caro pri la plena malpermeso de l' brando en tuta Rusujo. Pri tiu kvazaŭteatra surprizo mi ricevis kortuŝan raporton de okulatestanto. Miloj da litroj de monopolbrando estis, ekzemple, verŝitaj en la Vistulon, k. t. p. Eĉ en luksaj restoracioj oni permesis nur la moderan vendon de biero kaj vino. La monopolan alkoholon oni uzis sole por industriaj bezonoj. Eĉ pli: baldaŭ la plej multaj urboj, eĉ Petrogrado kaj Moskvo, voĉdonis por la plena malpermeso de ĉiuj alkoholaj trinkaĵoj. Kun unu bato tuta Rusujo fariĝis „seka", kiel oni diras en Usono.

La sekvoj estis ne direble favoraj por armeo kaj popolo. Malgraŭ la korupteco de la antaŭa rusa administro, malgraŭ la analfabeteco de 75 % de la popolo, malgraŭ malperfekta zorgo kaj organizo por la armeo kaj ĝiaj necesaĵoj, ĉi tiu armeo, kiu en 1904 estis venkita de la Japanoj, montriĝis brava kaj hardita. La kriminaleco malgrandiĝis je 60 ĝis 80 %. La drinkulejoj fariĝis malplenaj, la malliberejoj parte ankaŭ, la prostituo iĝis malpli granda je 60 %, kaj la ministro de la juĝaj aferoj malpligrandigis la nombron de la konstruotaj malliberejoj. Eĉ oni konstatis malpliiĝon de la misagoj kontraŭ bestoj. Plie, la rapide kreskanta bonstato de la popolo permesis restarigi la ekvilibron de la buĝeto sur alia fundamento ol la alkohola monopolo. La tre zorga laboro de Prof. D-ro Hercod en Lausanne, donas al ni la jenajn faktojn:

Ĉe 109,250 laboristoj la plena sumo de la horoj de labor-interrompo po laboristo estis en 1913 de aŭgusto ĝis oktobro 4347, kaj en 1914 de aŭgusto ĝis oktobro 3001. Sekve malpliiĝo de 30 % en 1914.

Same oni konstatis ĉe 3358 laboristoj altiĝon de la laborkapablo je 7,5 % dum la sama tempo 1914 kompare kun 1913.

El la ĝeneralaj sekvoj de la malpermeso, estas konstatinda, ke antaŭaj ebriuloj estas nun plej multe entuziasmigitaj por la malpermeso, fakto ĉie observita ĉe eksdrinkuloj. La antaŭe plej multe drinkemaj vilaĝoj estas nun ankaŭ la plej energiaj por la daŭra konservado de la malpermeso eĉ ankaŭ post la milito. La antaŭaj moderaj vilaĝoj plimulte deziras rean permeson post la milito, sed kun limigo.

Ĉe la enketo en Poltava 75,2 % de la loĝantaro estis por la daŭrigo de la malpermeso post la milito kaj 24,8 % por limigo de la alkoholo.

Plie montriĝas ĉie pli granda intereso por publikaj aferoj: la gazetoj estas multe legataj, kaj analfabetuloj ilin legigas al si per legoscia najbaro. Oni donas volonte kaj multe por la armeaj bezonoj.

Ankaŭ estas konstatita nova intereso por la tuta hejma vivado. Oni laboras pli multe, kaj sekve la ekonomia situacio de la kampulo pliboniĝis. Li povas aĉeti bruton, tie porkon, tie bovinon; li povas nun ripari la stalon aŭ la grenejon. Li havas pli grandan senton por agrabla hejmo. Diversaj raportoj rakontas pri nove aĉetita murhorloĝo, aliaj pri kudromaŝino, nun okupanta honorlokon en la ĉambro, la nutrado fariĝis pli bona, oni trinkas multe da teo, kaj okaze eĉ kakaon. Oni pagas malnovajn ŝuldojn kaj portas monon al la ŝparbanko. Kie antaŭe nur 20 personoj ĉeestis la paroladon de la ŝtata agrikultura instruisto, estas nun 200. Senalkoholaj enterigoj kaj edziĝofestoj anstataŭas nun la antaŭajn ekscesojn, je la feliĉo de la virinoj kaj infanoj.

Fine, estu notataj kelkaj respondoj de kampuloj, k. t. p. el la distrikto Kazan, rilatantaj al enketo, en kiu el 1982 respondoj nur 3 % ne konstatis influon de la malpermeso, dum la aliaj laŭdis ĝiajn bonegajn sekvojn.

Instruisto diras: „Kiu ne konas la landon, tiu nenion rimarkas, sed ni, kiuj ĉiam loĝis tie, opinias, ke ĝi plene ŝanĝis de unu jaro. Ĉie la bonfara influo de l' malpermeso vidiĝas de la ekonomia ĝis la etika flanko."

Kampulo diris: „Dank' al la malpermeso la loĝantaro tiel regeneriĝis, ke oni ne plu rekonas ĝin. La influon de la abstinenco oni ne nur sentas ĉe niaj kampuloj, sed ankaŭ ĉe la metiistoj, la tegmentistoj, pentristoj, k. t. p."

Alia instruisto skribas: „Jam la poetoj revis pri la ora epoko; nun ĝi komencis ĉi tie. Se oni konservos la malpermeson de la alkoholo, la ruso stariĝos sur siaj piedoj kaj baldaŭ ne estos sur la tero regno komparebla kun la lia."

Alia instruisto: „Ĝis la malpermeso neniu plenaĝulo lernis libron el la lerneja biblioteko. Nun ĉiuj legis niajn librojn, kaj kelkaj el ili estas malkontentaj pro la nesufiĉeco de la biblioteko. Nun oni legas la gazetojn kaj atente aŭdas ilian legadon."

Pastro skribas: „Mi komparas la rezultojn de mi skribe notitajn. Antaŭe mi devis doni preskaŭ ĉiutage la Sanktan Sakramenton al malsanuloj; nun, post la malpermeso, nur unu aŭ du po semajno."

*(Daŭrigota.)*

*Prof. D-ro A. Forel.*
Trad.: *Ed. St.*

---

## Notoj pri Sud-Ameriko

El serio de artikoloj pri Sud-Ameriko, verkitaj de S-ro William A. Reid en la Bulteno de la Tut-Amerika Unio, ni ekstraktas la jenajn notojn, kiuj montras la progreson kaj la komerc-industrian agadon de tiuj landoj.

Jen kion skribas la aŭtoro pri *Urugvajo:*

„El vojaĝo tra Urugvajo, oni havas la impreson, ke tiu lando havas tre progresintan agrikulturon, kie oni praktikas la brutbredadon pogrande, kiel atestas la cifero de 34,000,000 brutoj. En Urugvajo la pli granda parto de la teroj apartenas al privatuloj; la antaŭe imagajn limojn anstataŭis ferfadenaj baroj. La progresado de la fervojoj ne estis subita sed gradopa. Ŝajnas, ke tie ĉi la Eŭropaj malkonsentoj ne multe influis la situacion.

„Urugvajo asertas, ke ĝi posedas la plej vastan kuirejon de l' mondo en Frey Bentos. Kiu vizitis la tieajn vastegajn uzinojn, kie oni transformas en ekstraktaĵojn 2000 bovojn ĉiutage, tiu estas preta akcepti tiun pretendon. Paysandu, Salto, Mercedes, Rivera kaj aliaj urboj kaj vilaĝoj plibeligis kaj plilarĝigis siajn stratojn; la publiklaboroj estas en plena agado, kaj ĉie oni renkontas la aŭtomobilojn en kreskanta nombro."

Pri *Argentino* la aŭtoro faras la jenajn rimarkojn:

„Mi miris pri la lignaj riĉaĵoj de la Gran Chaco. Kapitalistoj konstruis fervojon tra centoj da mejloj en la Argentina parto de tiu vasta regiono; estas vere kurioza vidi, kiel la kolonianoj eklogis ĉirkaŭ la fervojo. Miloj da arbotrunkoj vidiĝas, kaj la bovĉaroj senĉese alportadas ilin. Oni enŝipigas la trunkojn kaj veturigas ilin al Buenos Aires. Dum du tagoj oni vojaĝas suden per la fervojo de Santa Fé; preskaŭ ĉiu stacio havas grandegan tenejon de ligno. Alia signo pri la riĉeco de Gran Chaco estas la fruktokulturo, kiu grave disvolviĝis ĉirkaŭ Resistencia, kie ekzistas grandaj oranĝ- kaj bananarbejo.

„... Unu el la plej kuriozaj aplikoj de la kinematografo en Sud-Ameriko estis elpensita de la Argentina enmigra Oficejo en Buenos Aires. En ordinara tempo, eniras la landon 1000 enmigrantoj tage. Tiujn enmigrantojn senpage gastigas la registaro dum unu semajno en tre komforta speciala hotelo. Dum ilia restado en la hotelo oni montras al la novevenintoj serion de kino-bildoj por distri ilin kaj por instrui ilin pri la stato de la agrikulturo en la lando, doni al ili ideon pri la tiea vivado kaj informojn utilajn al la enmigranto.

„... En Buenos Aires oni kutimas tetrinki posttagmeze en la salonoj de granda magazeno, kie de la kvina ĝis la sepa oni renkontas la bonan societon. Patrinoj kaj junulinoj volonte tien iras; junuloj estas invitataj aŭ mem invitas. Grupoj formiĝas tie ĉi kaj tie; oni vigle konversadas. Tiu allogaĵo popularigas la magazenon kaj pligrandigas ĝiajn vendojn."

Pri *Ĉilio* la aŭtoro notas i. a. la jenon:

„La konstruo de la nova Ĉilia haveno San Antonio rapide progresas, dank' al la centoj de laboristoj uzataj. Ĝi sendube post kelkaj monatoj povos malfermiĝi al la komerco. Ĝia estonto estas certa. Fervojo ligas ĝin al Santiago. Oni jam vidas tie modernajn domojn, belan, tute novan hotelon, grandan farunmuelejon kaj belegan marbordon.

„Chuquicamata estas moderna urbo laŭ pluraj rilatoj. Kelkaj el ĝiaj domoj estas nove konstruitaj kaj bone taŭgas por la dezerta naturo de la loko, kie ili troviĝas. La vizitanto kun surprizo vidas en plena agado fervojajn fabrikejojn, maŝinuzinojn, metalfandejojn, hospitalojn, minojn, magazenojn, k. a. Mi demandis: ‚Kiel vi povis tion fari en tiel mallonga tempo?' Oni respondis al mi: ‚Senliman kapitalon kaj kompetentulojn ni havis.'

„En la komenco de la Eŭropa milito, la nitrat-industrio estis interrompita en Ĉilio, kio havis grandajn konsekvencojn je la miloj da laboristoj kaj iliaj familioj. Dum mia lasta plursemajna vojaĝo tra la nitratkampoj mi povis konstati, ke la industrio iom post iom reprosperiĝas. Sendube ne ekzistas en la mondo dezerto tiel vivplena kiel la nitratregiono en Ĉilio. La lando estas nuda kaj brunkolora. La intensa suno kaj la pluvmanko donis al ĉio, eĉ al la homoj kaj al la bestoj, la koloron de la tero.

„Mirinda estas la transformo de Antofagasta. En la daŭro de dek-ok monatoj, la pavimado de stratoj kaj trotuaroj (ĉirkaŭ 400,000 kvadratmetroj) plene ŝanĝis la aspekton de la urbo. Du kompanioj transformis la malnovajn vojojn en bonegajn modernajn stratojn. La novaj stratoj kaj trotuaroj instigis la domposedantojn plibeligi la konstruaĵojn, la malnovan mulan tramon anstataŭis elektra."

Pri *Bolivio* la aŭtoro faris la jenajn observojn:

„Bolivio estas ĉiam interesa. Mi envojaĝis per la nova fervojo Arica-La Paz, pli mallonga, sed ne malpli pitoreska ol tiuj de Antofagasta kaj Mollendo. En momento kiam la mondo estas pli-malpli malorganizita de la milito, oni ne devas atendi, ke la konstruado de novaj fervojoj multe progresas. Tamen, ĉe la ekstrem-sudo de Bolivio armeo de laboristoj preparas la grundon por linio celanta kunligi la Boliviajn fervojojn al la Argentinaj. Post unu aŭ du jaroj, eble antaŭe, oni povos fervoje veturi de la ĉefurbo de Bolivio al Buenos Aires. Tio estos nova transkontinenta fervojo aldonanta al la komerca kaj transporta ilaro de Sud-Ameriko vojon de 3200 kilometroj tra riĉa teritorio, kaj precipe linion uzeblan dum la tuta jaro inter Pacifiko kaj Atlantiko."

Inter la komercaj progresoj de *Peruo,* notinda estas la nova muzeo de Lima, kie estas elmontrataj ĉiuj fabrikitaj produktaĵoj de Peruo kaj de latina Ameriko. Kvankam ekzistas ankoraŭ mankoj, tio estas bona komenco. Tre instrua estas vizito al tiu muzeo. Ĝia priskribo estus temo de longa artikolo: ni citu inter la plej gravaj hejmaj produktaĵoj la tapiŝojn, la meblojn, la lignaĵojn, la pajlajn kaj feltajn ĉapelojn, la cerealojn kaj la fajencon. Estas vere agrabla, vidi la zorgan kaj bonegan laboron de la Peruaj indiĝenoj de la malproksimaj internlandaj distriktoj.

* * *

„La kafejoj kaj la plenaeraj teatroj ĉiam estis popularaj en Sud-Ameriko; la kinematografoj aldonis plian allogon al la strata vivo. En multaj regionoj la varma klimato permesas la amuzojn en plena aero dum la tuta jaro, kaj la kinematografejoj gajnegas. La Sud-Amerikanoj kutime enlitiĝas malfrue, kaj la spektakloj malofte komencas antaŭ la naŭa. Ĉe la burĝaj familioj oni vespermanĝas je la oka. Sed eĉ kiam la spektaklo komencas je la naŭa, kelkaj alvenas malfrue. Kiam ĉe la teatroj estas posttagmezaj prezentadoj, ili komencas kutime je la kvina kaj finas sufiĉe frue, por ke oni povu ĝustatempe vespermanĝi. La virinoj kaj infanoj iras al la spektaklo precipe posttagmeze sen la viroj, ĉar vespere, en Sud-Ameriko, la virinoj ne volonte eliras sen akompano. La spektaklejoj estas plej vizitataj en la vespero, ĉar tiam la tuta familianaro eliras; multaj pagas al si la lukson de aŭtomobilo. Ĉe la enirejo de unu el la plej konataj kinematografejoj de Buenos Aires, mi kalkulis 200 aŭtomobilojn, kiuj atendas la finon de spektaklo prezentanta nenion speciale rimarkindan.

„En la Sud-Amerikaj magazenoj la ĝentileco estas la regulo. Enirante kaj elirante, la kliento ĉiam diras ‚buenos dias' al la oficisto aŭ al la mastro. Kiam oni ion aĉetas, la oficisto zorge envolvas la aĉetaĵon, al kiu li aliĝas tenilon, ĉar la uzo de la teniloj estas universala. Ili estas el

ferfadeno kaj ligno. La kutimo, mem porti la pakajojn ne estas tiel disvastiĝinta kiel en Usono; la Sud-Amerikaj virinoj estas ĉiam akompanataj de siaj ĉambristinoj, kiuj portas la pakajetojn; la pakajegojn la magazeno portigas hejmen.

„En la butikoj kiel en la grandaj magazenoj, la nombro de la oficistinoj kaj vendistinoj kreskas. En tiu rilato la Sud-Amerika opinio evolucias, kaj novaj profesioj prezentiĝas al la virino.

„Por la fremdulo la foiroj estas unu el la interesaĵoj de Sud-Ameriko. Ju pli la urboj estas malproksima, des pli vizitata estas la foiro. En La Paz, en Caracas, en Asuncion kaj aliaj urboj de la interna lando, la indiĝenoj ofte longatempe marŝas por ĉeesti la dimanĉan foiron. Ili alportas plej diversajn produktaĵojn, kaj la fremdaj entreprenemuloj aĉetas por Eŭropaj kaj Nord-Amerikaj komercistoj tapiŝojn, kovrotukojn el ĉevalfelo, manfaritajn kulerojn, kuriozaĵojn, skulptaĵojn, bastonojn, ludilojn, potojn, k. a. Tiuj objektoj ne troviĝas en granda kvanto, sed pro la kreskanta aĉetado, tiuj hejmaj industrioj disvolviĝos. La Eŭropaj kaj Amerikaj magazenoj vendas multajn el tiaj produktaĵoj devenantaj el Oriento. Post nelonga tempo, la Sud-Amerikaj novaĵoj estos importataj al Usono en multe pli gravaj kvantoj ol nuntempe.

Laŭ *William A. Reid.*
Trad.: *E. B.*

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **La sociaj klasoj en Rusujo.** — Okaze de la nuntempaj okazantaĵoj, interesa estas statistiko pri la dispartigo de la bienoj en Rusujo:

| | Deciatinoj[1] | % de la sumo |
|---|---|---|
| Privata posedaĵo . . . | 101,735,343 | 25,8 |
| Kolektiva posedaĵo . . . | 138,767,587 | 35,1 |
| Ŝtata aŭ eklezia posedaĵo | 154,689,513 | 39,1 |
| | 395,192,443 | 100,0 |

La privata posedaĵo dispartiĝas jene:

| | Deciatinoj | % de la sumo |
|---|---|---|
| Nobelaro . . . . . . | 53,169,008 | 62,0 |
| Ekleziularo . . . . . . | 337,206 | 0,3 |
| Komercistoj kaj burĝoj . | 12,906,795 | 15,0 |
| Metiaj korporacioj . . . | 3,763,822 | 4,4 |
| Kamparanoj . . . . . | 13,214,025 | 15,4 |
| Diversaj . . . . . . | 2,213,372 | 2,5 |
| Fremduloj . . . . . . | 352,438 | 0,4 |
| | 85,956,666 | 100,0 |

Jen dispartigo de la loĝantaro laŭ la sociaj elementoj (en 1897)

| | Nombro | % de la sumo |
|---|---|---|
| Hereda nobelaro . . . . . | 1,220,169 | 1,0 |
| Ŝtatoficistoj el burĝaj familioj | 630,119 | 0,5 |
| Ekleziularo (kristana) . . . | 588,947 | 0,5 |
| Altaj burĝoj . . . . . . | 342,997 | 0,3 |
| Komercistoj . . . . . . . | 281,179 | 0,2 |
| Malaltaj burĝoj (meŝanje) . . | 13,386,392 | 10,6 |
| Kamparanoj . . . . . . . | 96,896,648 | 77,1 |
| Kozakoj . . . . . . . | 2,928,842 | 2,3 |
| Alogenoj . . . . . . . | 8,297,965 | 6,6 |
| Finlandanoj . . . . . . | 35,585 | — |
| Ekster la supraj klasoj . . | 353,913 | 0,3 |
| Ne montris sian klason . . | 71,835 | 0,1 |
| Fremduloj . . . . . . . | 605,509 | 0,5 |

Ĉar la alogenoj kaj kozakoj estas ĝenerale kamparanoj, se oni kalkulas ilin kiel tiajn, Rusujo estas vera kamparana ŝtato: la grupo de la kamparanoj formas la 86 % de la tuta loĝantaro.

[1] Unu deciatino = 109,25 areoj.

 LITERATURO 

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Fürsten ohne Krone** (Princoj sen Krono), de *Heinrich Nienkamp.* Eldonejo: Vita, Berlin-Charlottenburg. Prezo: 4.50 M.

**Kultur und Sprache** (Kulturo kaj Lingvo), de *Heinrich Nienkamp.* Eldonejo: Vita, Berlin-Charlottenburg. Prezo: (nemontrita).

Sub la nomo Heinrich Nienkamp kaŝiĝas fervora Esperantisto, kies ĉi-tie cititaj libroj atentigis grandan publikon al nia movado. La unua el ili „Fürsten ohne Krone" neniel estas propaganda libro por Esperanto, sed ĝuste ĉar ĝi traktas interesan proponon, por kies internacia efektivigo Esperanto estas nepre necesa, ĝi atingis rondojn ĝis nun nevarbeblajn per nia lingva propagando. Rimarkinda estas la maniero, en kiu la verkisto rakontas la faktojn de tiu kvazaŭa romano. Mallonge ili estas jenaj: Heinrich Fry, riĉega Amerikano, donacas milionojn al de li iniciatita kultura organizaĵo, celonta la batalon kontraŭ ĉiuj sociaj malperfektaĵoj. En la verko ne estas iu enua programo de agado, nek regularoj por organizo, sed la originalaĵo de la aŭtoro konsistas en tio, ke li supozas la asocion jam fondita kaj represas en la libro fiktivajn kritikojn de la ĉefaj gazetoj de sia lando. Kiu iom konas la karakteron de la germanaj partioj de iliaj gazetoj kaj iliaj redaktoroj admiras, kiel sprite la verkinto sciis sin enmeti en ilian pens- kaj skribmanieron. El tiuj artikoloj oni spertas, ĉiam sub la vidangulo de iu partio, kiel disvolviĝas la kultura organizaĵo. Ekzemple, ĝi helpas sciencistojn kaj artistojn, kiuj sen monrimedoj ne povus plenumi siajn laborojn, subtenas laboristojn en la batalado kontraŭ avara fabrikisto, k. t. p. Post sia en la romano rapide progresanta disvolviĝo, la asocio eĉ kapablas forigi minacantan internacian konflikton, per tio ke, kun la helpo de siaj ĉiulandaj membroj ĝi trudas malmensogan politikon, minacas je ekonomia bojkoto kaj tiel pruvas la efikon de la pacaj rimedoj. La organizo de la asocio estas plene internacia; unu el la unuaj kreitaĵoj estas granda Esperanta jurnalo „La Ligilo". Tiu jurnalo kaj nia lingvo formas kvazaŭ la internacian fundamenton de la movadon. La titolo de la libro devenas de la ideo, ke la pioniroj de la kulturo kvazaŭ formas modernan nobelaron. En la proponita organizo la membroj de la loka kultura grupo elektas la prezidanton, ĉiuj prezidantoj en la provinco elektas provincestron, k. t. p.; super ĉiuj provincestroj ekzistas kulturestraro, la tiel nomata „princoj". Por ke tiuj personoj havu la necesan labortempon kaj povu inde reprezenti la asocion, ili ricevas konforman pagon el la Fry-fondaĵo.

En aldono aperinta post la granda sukceso de la „Princoj" *(Grundlagen der Fürsten ohne Krone)* la aŭtoro, pasante de la romano al la realeco, montras kiel oni povas pomalgrande efektivigi liajn ideojn, eĉ sen la tre dezirinda kapitalo.

Laŭ nia scio, jam fondiĝis kelkaj grupoj en Germanujo. La internacia organizaĵo, per kiu la aŭtoro deziras kunigi por kultura celado la bonvolulojn de ĉiuj landoj, memorigas en siaj ĉefaj trajtoj je UEA, kiu multe pli modeste kaj eble pli praktike klopodis jam de kelkaj jaroj atingi kelkajn el tiuj celoj. Pli grava kaj pli influa organizaĵo estus ja dezirinda, sed ni timas, ke la tro ĝenerala programo neebligos pozitivan internacian laboron, kaj ke diversaj el la proponitaj aranĝoj kaj titoloj estas ne konformaj al la mentaleco kaj metodoj de multaj popoloj.

La dua libro, *Kultur und Sprache* (Kulturo kaj Lingvo), estas kolekto de leteroj laŭ nia scio aperintaj en gazeto pri lingvaj temoj. Ĉefe estas tre lerte kondukita defendo de Esperanto kontraŭ la fama lingvisto Fritz Mauthner, kiu kun granda scienca aparato pretendas, ke artefarita lingvo ne povas esti vera lingvo. Ekzemple, li asertas, ke li ne kredos je la ebleco de artefarita lingvo ĝis kiam oni montras al li homon ĥemie fabrikatan! La parte tre akraj

atakoj de Mauthner kontraŭ Esperanto en grandaj germanaj ĵurnaloj estus povintaj multe malutili, se S-ro Nienkamp ne estus ĝin defendinta kun rimarkinda saĝeco kaj ne malpli multe da sciencaj konoj ol sia profesora kontraŭulo. La letera formo ebligas al la aŭtoro pritrakti mallonge la plej diversajn flankojn de la lingva problemo. Doni analizon de la libro estas tial malfacila, sed ni iam permesos al ni prezenti al niaj legantoj, en alia parto de tiu gazeto, tradukojn de kelkaj el la plej interesaj paĝoj.

**Dio, la Homaro, kaj la Milito,** de *G. Campbell Morgan,* Doktoro de Teologio. — Tradukis *Florence H. Hanbury* kaj *W. Hamilton Webber.* — Brita Esperantista Asocio. London (1916?). 70 paĝoj. 21,5×14 cm., Prezo: 1 sh. 6 d.

Leginda kolekto de predikoj diritaj en Londona kapelo post la militeksplodo. La aŭtoro klarigas bibliajn tekstojn en iliaj rilatoj kun la militaj okazintaĵoj kaj admonas la popolon al kristanaj ecoj. Firmigi al la popolo de Dio la kuraĝon kaj igi ĝian fidon konstanta, estas, laŭ la antaŭparolo, la celo de tiu libro.

**Esperanto and why we need it.** By Bernard Long. British Esperanto Association, London, 1917. 32 paĝoj, 10×16 cm. 2 p.

La libreto estas vera modelo de propaganda parolado, ĝi trafe mencias ĉiujn gravajn faktojn, ne enhavas gramatikajn detalojn, kaj estas bone presita. En kuranta teksto, ne tranĉita laŭ ĉapitroj, ĝi traktas pri: Neceso de mondlingvo, naciaj lingvoj, historio de Esperanto, kongresoj, UEA, gazetaro kaj dummilita movado, gramatiko, praktika uzo, literaturo, lernado. Je la fino troviĝas la Boulogn'a Deklaro kaj aliĝilo. Por propagandilo tiu deklaro ne ŝajnas al ni utila: la neŭtraleco de Esperanto ja vidiĝas el sia historio, kaj la atentigo, ke „ĉiu ajn rajtas skribi en aŭ pri Esperanto por ĉiaj celoj" similas al invito sin okupi pri la lingvo antaŭ ĝin esti serioze studinta.

* * *

Oni permesu ĝeneralan rimarkon pri propagandiloj. En preskaŭ ĉiuj UEA estas laŭde citita kiel asocio por praktikaj celoj, turismo, komerco, k. t. p. Por propagando tio sufiĉas, kaj ni ŝuldas dankon al la afablaj aŭtoroj. Sed ni ofte spertas, ke tiu duona vero, taŭga por varbotoj, fariĝis kvazaŭ tezo en la kapoj de la instruitaj Esperantistoj. Ankaŭ laŭ ilia kompreno UEA estis nur fondita por elekti Delegitojn kaj fari servojn; la lingvo, la spirita movado kaj tio, kion oni nomas la „internan ideon", tio ne koncernas ĝin. Estas vere, ke la videbla, per ciferoj pruvata agado de UEA sin movas en la dirita direkto: ĉe la fondo de UEA tia organiza laboro estis la plej urĝa, ĝi bone sukcesis kaj ebligis ellabori administrajn, tempkaj monŝparantajn metodojn, kiuj ankaŭ bone taŭgas por la tiel nomataj idealaj celoj. Nun, laŭ sia statuto UEA alcelas tiel bone la plibonigon de la moralaj kiel de la materialaj rilatoj. Per disvastigo de internaciaj ideoj, per helpo al samideanoj, per subteno de propagando kaj instruado kune kun la naciaj societoj UEA klopodos efektivigi tiun parton de sia programo. Tion ni ripetas ne pro iu reklama celo; ni nur deziras, ke la samideanoj ĉesigu la nekorektan pretendon de la kvazaŭ sole praktike-komerca UEA kaj ne miru, se okaze ĝi permesas al si havi opinion pri propagandaj aŭ lingvaj aferoj. *St.*

**Lisbona Esperantista Societo.** Relatorio 1916.

Tiu ĉi raporto de la Lisbona Esp. Societo, redaktata en portugala lingvo, estas broŝuro de ne malpli ol 92 paĝoj. Ĝi prezentas ampleksan dokumentaron pri la agado de niaj Lisbonaj samideanoj, kiuj malgraŭ la milito sukcesis fari viglan kaj fruktodonan propagandon, kaj atingis bonajn rezultatojn precipe en la oficialaj rondoj (akcepto de Esp. ĉe la cenzuro, permeso al militistoj, porti Esp. insignon, k. t. p.). En la nomita broŝuro oni trovos, laŭmonate ordigitaj, ekstraktojn de la multaj portugalaj gazetoj, kiuj publikigis artikolojn, ofte longajn kaj detalajn, pri nia movado. En la komenco troviĝas fotografaĵo de nia Majstro kaj nekrologio. Estus dezirinde, ke multaj Esp. societoj povu publikigi pri sia agado raporton tiel ampleksan kaj faktoriĉan kiel estas tiu de la Lisbona Esp. Societo. *Interim.*

 ESPERANTISMO 



† Emile Boirac, 1851—1917
Prezidanto de la Akademio kaj de la Lingva Komitato

# EMILE BOIRAC

En la lasta N-ro de nia gazeto ni havis la malĝojan devon, anonci al nia legantaro la morton de unu el la plej konataj kaj eminentaj Esperantistoj, Rektoro Emile Boirac, prezidanto de la Akademio kaj de la Lingva Komitato.

Je tiu funebra okazo, ni per kelkaj linioj deziras rememorigi pri la kariero kaj Esperantista agado de nia bedaŭrata samideano, kiu ludis gravan rolon en la disvolviĝo de nia movado.

Emile Boirac naskiĝis la 26 aŭgusto 1851 en Guelma (Alĝerio). Farinte kun granda sukceso siajn studojn en la liceo kaj poste en la literatura fakultato de Bordeaux, li estis elektita kiel profesoro en diversaj liceoj, kaj fine en la liceo Condorcet en Paris, kiel agregaciulo de filozofio. Poste li fariĝis profesoro de filozofio en la Literatura Fakultato de Dijon kaj, pli malfrue, Rektoro de la Akademio de Grenoble. Fine, en 1902, li estis elektita Rektoro de la Akademio de Dijon; tiun gravan administran postenon li okupis ĝis sia morto.

Dum sia restado en Grenoble, en la jaro 1899, li estis varbita al nia lingvo, precipe dank' al la leteroj de Profesoro Méray, en la periodo kiam Esperanto ekdisvastiĝis tra Francujo, precipe ĉe sciencaj rondoj. S-ro Boirac fariĝis fervora Esperantisto kaj de tiam ne ĉesis aktive laboradi por la progresigo de nia movado. Li skribis artikolojn en pluraj revuoj, kaj dank' al sia aŭtoritato kiel scienculo li sukcesis varbi al nia lingvo multajn adeptojn precipe inter la instruistaro kaj la sciencaj rondoj.

S-ro Boirac tute ne apartenis al tiu scienculoj, kiuj teorie aprobas nian movadon, sed praktike ne lernas nian lingvon kaj tenas sin flanke de ĉia aktiva agado. Kontraŭe, Rektoro Boirac ellernis Esperanton, kiun li bonege parolis, kaj uzis ĝin. En tiu periodo li tradukis la malfacilan *Monadologio* de Leibnitz kaj tiel pruvis la taŭgecon de Esperanto por esprimi subtilajn filozofiajn pensojn. Li ankaŭ

verkis ĉarman rakonteton por infanoj, titolitan *Perdita kaj Retrovita*. Je pli nova tempo li bonege tradukis la faman komedion de Molière *Don Juan*.

Pro sia sperto kaj influo, Rektoro Boirac estis elektita kiel Prezidanto de la unua Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne sur Mer. Li taktoplene kaj lerte prezidis tiun epokfarantan kongreson. D-ro Zamenhof elektis lin Prezidanto de la Lingva Komitato, kreita en Boulogne sur Mer, kaj li de tiam konstante restis en tiu ofico per la volo de la L. K. Kiam la Akademio estis starigita el la L. K., li ankaŭ estis ĝia prezidanto.

Rektoro Boirac ĉeestis ĉiujn kongresojn, esceptante la sesan kaj la okan. Li tie raportadis pri la laboroj de la Lingva Komitato kaj ofte partoprenadis en la kongresaj diskutoj.

Dum la Idista krizo, S-ro Boirac restis fidela al nia movado kaj defendis ĝin. Iom poste li kun la helpo de Dijona familio Fauvart-Bastoul verkis sian tre gravan *Plena Vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca*, kiu utile helpis al la pliriĉigo de nia vortaro. Kiel kondukanto de la Akademio li ĉiam montris sin senpartia, modera kaj respektema al nia lingvo.

La milito dolorige frapis nian samideanon. Unu el liaj filoj mortis sur la batalkampo; pri la alia filo, sendita kiel militkuracisto al Ruslando, li estis longan tempon sen novaĵo. Antaŭ nelonge mortis lia edzino, kaj li restis sola kun sia filino. Dum la somera libertempo li estis veturinta en Salces (Orientaj Pireneoj) kaj tie li mortis, tute subite, je la 20 septembro.

Ĉe la entombiga ceremonio, S-ro Prof. Lambert, vicprezidanto de la Universitata Konsilantaro, rememorigis pri la Esperantista agado de nia mortinta samideano. Aliaj eminentuloj priskribis la multajn laborojn de Rektoro Boirac ĉu por la plibonigo de la universitataj studoj en Dijon — kie li interalie aranĝis tre sukcesajn somerajn kursojn por fremdaj studentoj —, ĉu pri la pura scienco.

Krom pri Esperanto, S-ro Boirac ageme sin okupis pri filozofio kaj ankaŭ precipe pri psikaj studoj. Li aperigis lernolibron pri filozofio, uzatan en la francaj liceoj. Disĉiplo de la filozofo Fouillée, li publikigis laŭ liaj postlasitaj paperoj kaj fragmentoj „Skizon pri la interpretado de l' mondo". Li faris multajn eksperimentojn pri psikismo kaj mem havis hipnotigan povon. El siaj ripetitaj eksperimentoj li eltiris la materialon de multaj revu-artikoloj kaj precipe de du verkoj „La nekonata Psikologio" (ricevinta premion de la Akademio de l' Sciencoj) kaj „La Estonto de la psikaj sciencoj" (en franca lingvo), ĉe kiuj li perfektigis la teorion pri magnetismo: nia estaĵo posedas forton, kiu povas difuziĝi ekster la fizikaj limoj de l' korpo, kaj tiu psika fluido, haltigata de certaj organismoj, estas kaŭzo de fenomenoj, kiuj ŝajnas misteraj nur ĉar oni ne povas laŭvole ilin produkti ĉe laboratoriaj eksperimentoj. S-ro Boirac deziris, ke la psikaj studoj estu kondukataj laŭ vere scienca metodo; liaj laboroj liveras bonan materialon por estontaj esploristoj en tiu grava sciencofako.

El tiuj tre koncizaj notoj oni povas konstati, ke multflanka estis la agado de S-ro Emile Boirac, pedagogia, scienca, Esperantista. Sed ne sole talenta sciencisto kaj senlaca esploremulo estis nia samideano; ankaŭ bonkora, afabla, simpatia homo li estis, kiu antaŭ ĉio estis gvidata de amo al la homaro kaj de fervora idealismo. Ĉiuj, kiuj konis lin persone, konservos pri li fidelan memoron, kaj la dankema Esperantistaro enskribos per oraj literoj la nomon Boirac inter siaj sindone laborintaj kaj, ho ve! tro frue malaperintaj pioniroj. *H. H.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Ĝenerala Kunveno de la Svisa Esperanta Societo

La Ĝenerala Kunveno de la Svisa Esperanta Societo okazis la 29 kaj 30 septembro en Bern. Malgraŭ la plikariĝo de la vivo, de la vojaĝkostoj kaj malpliofteco de vagonaroj ĉeestis 45 fervoruloj el la diversaj partoj de la lando.

Sabate okazis en Hotel Maulbeerbaum grandnombre ĉeestata parolado de S-ro Ed. Stettler, vicdirektoro de UEA. Lia parolado estis tre kompleta pledo pri Esperanto; ĝia historio, movado, utilo, disvastiĝo, gramatiko estis slavice priparolitaj, kaj pluraj konvinkitaj personoj sin enskribigis por kurso. Sekvis muzika kaj voĉa koncerto, trafa unuakta komedieto „La Renkonto" de S-ino Hankel, kaj dancado.

Dimanĉe okazis la ĝenerala kunsido, kiu pro la diversaj kaj multnombraj traktitaj aferoj daŭris de la 9a ĝis la 11¼ kun nura interrompo por la festeno. S-ro Wenger, vicprez., prezidis.

La unua diskuto rilatas la agadon de la Komitato dum la pasinta jaro. Oni riproĉas al la estraro de S. E. S., ke ĝi ne plenumis la dezirojn de la lasta kunveno kaj fakte nenion faris. Klarigoj estas donitaj de la komitatanoj. La kunveno decidis per 11 voĉoj kontraŭ 10, esprimi sian malaprobon pri la agado de la Centra Komitato.

Poste ĝi alprenis la jenajn decidojn:

„La Ĝenerala Kunveno de S. E. S., kunveninta en Bern la 30 septembro, konstatas, ke la proponoj pri ŝanĝoj de la ortografio, aldonitaj al „Svisa Espero", estas persona afero de la redaktoro de S. E. Ili do neniel estas opinio de S. E. S.

„La kunveno decidas, ke ĝia oficiala organo, „Svisa Espero", aperu de nun kiel dufolia aldono al „Esperanto"."

La jenaj novaj komitatanoj estis elektitaj: S-roj Kürsteiner, Olŝvanger, Perlet, Jost, Weilbacher, de Lerber, Jaquillard, F-ino E. Chenevard.

La festeno rememorigis al la antaŭmilitaj kongresoj pro la reganta babilemo kaj la internacia ĉeestantaro. Krom Svisoj ĉeestis samideanoj el Belgujo, Bohemujo, Bulgarujo, Francujo, Germanujo, Italujo, kaj Rusujo.

Vespere, post kuna manĝo, la Esperantistoj pasigis la vesperon ĉe la koncertejo Schänzli.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Praha*: La gazeto „Čech" publikigas ĉiusemajne mallongan raporton el la „Esp.-Welt", kiun redaktas F-ino J. Šupichová.

## Belgujo.

Pro la malfacilaj poŝtrilatoj ni havas malmultajn informojn pri la nuna movado. Tamen ni ĵus eksciis, ke en *Gent* la kutimaj kursoj, grupkunvenoj kaj promenadoj daŭrigis. En *Antwerpen* la grupoj ne kunvenas, sed ni havis bonajn novaĵojn de la ĉefe konataj Esp-istoj, kiuj renkontiĝas kelkafoje.

## Britujo.

*Dublin* (Irlando): S-ro Douglas denove instruas lokan grupon. Nun, unu el la naciaj Irlandaj ĵurnaloj ofte eldonas artikolojn pri Esp. kaj precipe alvokas Irlandanojn helpi en la formado de nacia Irlanda grupo por partopreni en la Ligo de malgrandaj nacioj por

Esperanto, kiel sugestis S-ro Pastro Patrick Parker kaj nia Frisa samideano, S-ro Crossen. Plie oni proponas eldoni Esp. lecionojn en la nacia gaela lingvo. — *Peel* (Isle of Man): S-ro König, civilkaptito, instruas Esp. al siaj kunuloj kaj jam faris kurson al 50 el ili en unu „compound". Li ricevis la permeson viziti kvar aliajn, kaj tiel li atentigos 3000 virojn pri Esp.

**Finnlando.**

Dum longa tempo la legantoj vane serĉis, se ili serĉis, la nomon de nia lando en la kroniko. „Finna Esperantisto" ne eliris depost julio 1914, Esp. societoj ne kunvenis, la gazetoj apenaŭ ion notis pri la morto de S-ro Mudie, sed alie preskaŭ silentis pri Esp. Nenia kurso, krom tiu en la blindula lernejo Helsingforsa. Ĉio senviva. La kaŭzo ne estis sole la milita tempo kun sia ekonomia malplifaciligo, ne sole tio, ke ĉiuj interesoj sin turnis al la vivrimedoj. Ĝin pleje kaŭzis la dummilita premego. Nenia kunveno estis permesata sen informo al polico, ĉe ĉiuj „suspektindaj" tiaj ĉeestis policisto. Ne estis permesate paroli lingvon, kiun li ne komprenis. Ĉiuj „suspektinduloj", ankaŭ kelkaj Esperantistoj, estis malliberigataj kaj forkondukataj al Ruslando. La enlanda poŝto estis trastudata de severega cenzuro, kian Eŭropo certe neniam vidis. Tiun premegon plejparte forigis la Ruslanda revolucio. La liberigo postulis treege da laboro. Sekve la Esp-istoj ne havis tempon rekomenci. Nur la bedaŭrinda morto de nia Majstro revekis ilin. Multaj gazetartikoloj aperis kaŭze de la komuna ĉagreno kaj de la 30a jarfesto de Esperanto. Letera kurso estas aranĝita; ĝi nun funkcias kun 50—60 partoprenantoj. Ĝis nun ne ekzistis bona lernolibro en finna lingvo. Tian promesis eldoni grava firmo; ĝi estas prilaborata. De nun ni esperas, ke ankaŭ la finna Esp-istaro ree laboros por la komuna celo. Oni jam kolektas subtenon, por reeldoni „Finnan Esperantiston". — *Vo So.*

**Germanujo.**

*Augsburg:* La grupon nun gvidas S-ro O. Beck anstataŭ D-ro Ledermann, kiu fariĝis profesoro en Nürnberg. — *Berlin:* En la gazetoj „Automobil-Rundschau" kaj „Deutsche Verkehrszeitung", S-ro J. Schwaiger publikigas artikolojn pri nia lingvo. „Deutsche Warte" daŭrigas la interesan Esp. rubrikon. — *Breslau:* S-ro Mielert gvidas kurson. S-ro Wolf intencas aranĝi duan. — *Darmstadt:* Fondiĝis Esp. grupeto, kies prez. estas S-ro Harris kaj sekr. S-ro Hundsdorf. — *Dresden:* La kunvenoj de UEA estas kontentige vizitataj. En la antaŭlasta, F-ino Löwe interese rakontis pri sia vojaĝo en Italujo. En la lasta S-ro Johne paroladis pri sia hungara vojaĝo. — *Helkenhagen:* S-ro D-ro Winsch sukcese paroladis en la refreŝigejo Anker. — *Münster:* La dua militkunveno de la Vestfalia Esp.-Ligo (Revelo) devis okazi tie la 21 oktobro. — *Wilhelmshaven:* La grupo faris efikan propagandon per afiŝoj. Du kursoj por komencantoj estis aranĝitaj.

**Nederlando.**

*Enschede:* La societo „Antaŭen" festis sian unujaran ekzistadon per agrabla vespero. — *Hago:* La unua komuna monata kunveno de la Hagaj Esp-istoj bone sukcesis; 60 personoj ĉeestis kaj aplaŭdis la festprogramon. — *Zaandam:* S-ro A. Smit faris paroladon.

**Hispanujo.**

*Barcelona:* La grupo „Nova Sento" aranĝis sukcesan feston, okaze de kiu oni malkovris portreton de D-ro Zamenhof. S-ro Claramunt legis versaĵojn de nia Majstro kaj S-ro Canales lian biografion.

**Norvegujo.**

*Hommelvik:* S-ro Bruno Riflingo faris tri paroladojn, el ĉi tiuj unu por socialistoj en Popola Domo kaj unu por internigitaj germanaj maristoj sur la ŝipo „Berlin". Multaj aĉetis lernolibrojn. — *Kristiania:* Oni fondis grupon por kontoristoj. — *Stenkjaersanden:* Parolado de S-ro Bruno Riflingo en la soldathejmo antaŭ 250 personoj. Du gazetoj favore raportis.

**Portugalujo.**

*Lisbono:* La 3 aŭgusto S-ro Saldanha Carreira, nun milicia subleŭtenanto, faris, en la Lernejo por Preparado de Miliciaj Oficiroj, tre bonsukcesan paroladon pri „La utileco de Esp. en la milito". Prezidis leŭtenanto-kolonelo Pereira Bastos, direktoro-komandanto de tiu Lernejo, kaj ĉeestis, laŭ supera ordono de la komandanto, ĉiuj lernantoj de tiu institucio. La 20 septembro, Lisbona Esp. Societo sin turnis al la Urbodomo, petante ke, la 15 decembro, al unu el la novaj avenuoj de Lisbono estu donata la nomo de D-ro Zamenhof. Tiu peto, subskribita de S-roj Saldanha Carreira, Adelino de Carvalho kaj Martins d'Almeida, estis akompanata de multaj konsideroj pri la progresoj de Esp. en fremdlando kaj eĉ en Portugalujo. La gazetoj raportis pri tiu afero, kaj baldaŭ la Urbodomo devas doni ian respondon. Kvankam la malfacilaĵoj estas multaj, precipe pro la militaj priokupoj kaj ekonomia krizo, la Lisbonaj Esp-istoj tamen laboras insiste kaj jam ion bonan ili rikoltis el sia semado.

**Svedujo.**

*Eskiltuna:* Post parolado de S-ro Arvid Veramant, la klubo de la socialdemokrata junularo akceptis Esp. kaj decidis aranĝi kurson. — *Helsingborg:* La klubo decidis malfermi kurson, aranĝi paroladon kaj ekspozicion. — *Stockholm:* Artikolo kun portreto pri S-ro Boirac aperis en la „Stockholms Dagblad".

**Svisujo.**

*Bern:* La ekspozicio kaj la vesperfesto aranĝitaj de la Esp. Societo, okaze de la ĝenerala kunveno de S. E. S., estis bonegaj propagandiloj. Krom diversaj informpetoj, pli ol 12 personoj aliĝis por baldaŭ komencota kurso. — *Genève:* La grupo „Stelo" renovigis jene sian komitaton: Prez. S-ro H. Dubois, vicprez. S-ro W. Underwood, sekr. S-ro Z. Rohla, kas. S-ro R. Richez, ano S-ro J. Zryd. La kunvenoj okazas ĉiuĵaŭde en la oficejo de UEA. Dum oktobro oni legis la gajan verkon: „Sherlock Holmes en servo de la hispana trono"; okazis diskuto pri la manieroj rimedi je la manko de karbo proksiman vintron kaj interesa parolado pri la vivo en la maraj abismoj kun klarigoj de S-ro W. Underwood.

## DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la armeoj.** — Post insistaj klopodoj de Lisbona Esperantista Societo, la portugala ministro de militaj aferoj permesis la uzadon de la Esperanta insigno ĉe la armeo. La unua, kiu profitis tiun permeson estas S-ro Saldanha Carreira, sekretario de tiu societo. La modelo aprobita de la ministro konsistas el nigra aŭ griza rondforma drapopeco, sur kies mezo vidiĝas brodita verda stelo ĉirkaŭata de la vorto *Esperanto.* Tiu ĉi insigno estas portebla sur la maniko de la uniforma vesto.

Antaŭ ol permesi al iu militisto la uzadon de tiu insigno, la ministro de la militaj aferoj sin turnas al Lisbona Esp. Societo demandante, ĉu la petanto rajtas uzi ĝin. Sekve, por uzado de la verda stelo, jen do kio okazas: 1e la Esp. militisto petas permeson de la ministro; 2e la ministro informiĝas ĉe L. E. S.; 3e L. E. S. informas favore aŭ malfavore; 4e konforme al la informo de L. E. S., la ministro permesas aŭ rifuzas.

∴ **Esperanto kaj komerco.** — Post plurmonata korespondo kun la mondkonata firmo Suchard & Ko., en Neuchâtel, S-ro de Saussure sukcesis varbi tiun firmon al Esperanto, en tiu senco, ke ĝi decidis, disvendi specialan markon de unuakvalita ĉokolado, nomata „Esperanto". Ĉiu pakaĵeto portas la surskribon „Esperanto", grandlitere presitan sur flava papero kun verdaj rubandoj. Tiu ĉokolado estas tre bongusta kaj rekomendinda. Ĝi do povas servi kiel tre efika propagandilo, se la Esp-istoj ĉiam kaj ĉie postulos tiun ĉokoladon prefere al aliaj.

La plej bona rimedo estas postuli de la vendistoj, ke ili venigu el la firmo Suchard tiun ĉokoladon, kaj ili ĝin metu en la montrofenestro.

La firmo Suchard ankaŭ konsentis presigi Esperantajn tekstojn metotajn en ĉiun ĉokolad-pakaĵeton, kaj tiamaniere miloj kaj miloj da Esperantaj reklamiloj estos dissendataj ĉiutage.

La samideanoj skribu al la firmo Suchard por gratuli ĝin, kaj ili demandu al ĝi, kio estas la plej bona maniero, propagandi por tiu ĉokolado.

∴ **Propagand-vojaĝo tra Nederlando.** — Nia fervora samideano, S-ro Adalberto Smit, faris tra Nederlando propagandan vojaĝon, pri kiu li bonvolis sendi al ni raporton ĉi-sube resumitan:

„Mia vojaĝo komencis la 2 septembro. Mia unua parolado estis ĉe la belga internigejo en *Zeist*; ĝin prezidis Leŭt.-Kolonelo J. Niesten. Pli ol 200 belgoj ĉeestis kaj atente aŭskultis. Poste mi veturis al la internigejo *Harderwijk*, kie mi paroladis antaŭ 300 belgoj. La 5 septembro mi iris al *'s-Hertogenbosch* kaj paroladis antaŭ ĉ. 200 aŭskultantoj, membroj de la Unuiĝo de Komizoj. La 7 mi estis en *Vlissingen*, kie 200 personoj aŭskultis min. La 8 mi paroladis en *Hago*, kie la fervora Esp-istino F-ino N. Boon estis farinta la preparajn aranĝojn; 150 personoj. La 10 mi iris *Amsterdamon* kaj paroladis por ĉ. 300 personoj. La 11 mi vizitis *Zaandamon*, sed nur 40 personoj ĉeestis. La 14 mi paroladis en *Harlemo* antaŭ 200 homoj. Poste sekvis preskaŭ tuta monato, dum kiu mi povis ripozi. Sed la 4 oktobro, mi ree parolis ĉe belega kunveno, en kiu ĉeestis tutaj klasoj de la mezaltaj lernejoj kaj ankaŭ diversaj direktoroj de tiuj lernejoj.

„Resume mi paroladis dek-tri fojojn por la propagando kaj ok fojojn por la samideanoj. Ĉie oni akceptis min afable kaj agrabligis mian taskon. Tial koran dankon al ĉiuj helpintoj! Por ĉiuj urboj mi faris la saman laborprogramon. La ĉefaj punktoj estis: skribi al la sekretarioj de la metiaj unuiĝoj, petante ilin laŭtlegi cirkuleron pri la organizota propagandkunveno, inviti ĉiujn membrojn veni, inviti ĉiujn gazetraportistojn, ĉefojn de instruejoj, komunumestrojn, k. t. p.; kelkajn tagojn antaŭ la vespero aperigi en la gazetoj anoncojn kun artikoloj pri Esp. Kiel propagandilon mi uzis la propagando-gazeton de S-ro J. Pastoor pri komerco, industrio, scienco, k. t. p. kaj Esperanto. Dum la paŭzoj inter miaj paroladoj oni vendis ĉ. 1600 de tiu propagandilo. Mi paroladis ankaŭ multe pri la praktika utilo de Esp. kaj UEA.

„Mi esperas, ke mia laboro estos instigo al aliaj samideanoj por ke ili same agadu en sia patrujo. Tiam nia movado kreskos eĉ dum tiu ĉi malfavora tempo. Precipe la pli maljunaj kaj pli lertaj inter ni faru tion, kion mi faris. Mi estas nur sentitolulo, sed la titoluloj povus fari pli multe."

∴ **Esperanto ĉe la malspritaloj.** — En „*Holanda Pioniro*", S-ro G. J. Degenkamp publikigas tiun rimarkindan dokumenton pri homa malspriteco. Tio ne estas izola fakto. Ion similan ni jam aŭdis:

„Nekredeble, tamen vere!

„Parolante pri la utileco de Esperanto al kelkaj ĉirkaŭstarantoj mi estis kontraŭita de iu el ili, serĝento, kiu asertis, ke Esperanto ne taŭgas por helplingvo. ‚Ĉar, li diris, se oni scias Esperanton, oni tamen ne kapablas paroli kun alilandanoj.' Li mem estis lerninta la lingvon, sed baldaŭ ĉesis la studon, konvinkiĝinte pri ĝia neutileco. ‚Sed, mi diris, kiel vi konvinkiĝis pri ĝia neutileco? De kelkaj personoj mi aŭdis kaj multfoje jam legis, kiel plezure estas renkonti diverslandanojn kaj tre facile povi interparoli kun ili.' — ‚Jes, li rediris, povas esti, sed en tiu okazo ambaŭ interparolantoj devas scii Esperanton, alie ne estas eble, ke oni komprenas unu la alian.' — ‚Nu, mi demandis, ĉu vi supozus, ke oni povus interkompreniĝi per Esperanto kun alia persono, ekz. franco, kiu ĝin ne konas?' — ‚Jes, tion mi supozis,' estis la respondo."

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj membroj.** — Ni informas niajn membrojn, ke la kotizaĵo por la administra jaro 1918 estas de nun pagebla al ĉiuj Delegitoj kaj al la C. O. de UEA. Ĝi estas, kiel kutime, 2. 50 Fr. por ordinara membro kaj minimume 5 Fr. por subtenanto.

La membroj pagintaj la kotizaĵon por 1918 ricevos membrokartan banderolon kaj, tuj kiam ĝi estos aperinta, *raporto-broŝuron* pri la agado de nia Asocio kaj la stato de nia movado. Tiu broŝuro estos preta en la fino de decembro.

Responde al kelkaj petintoj, ni informas, ke la Oficiala Jarlibro 1916 estas elĉerpita. Represo nuntempe ne estas ebla.

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 30 septembro estis enkasigitaj 2060 kotizaĵoj (el kiuj 115 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 2217. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 51.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato septembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
| --- | --- |
| 393 | 410 |

*Tuta sumo*: 803. (Antaŭa monato: 1232.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Sepa listo*:

99. H. Hicholl (Glencarse). — 100. S-ro J. Strong (Exeter). — 101. S-ro J. Lhermitte (Paris). — 102. S-ro D. Parrish (Toronto).

**Novaj Delegitoj.**

*Barnaul* (Siberio). — D.: S-ro A. G. Kungurov, komercisto, 59, Suzunskaja.

*Maryfield* (Kanado). — D.: S-ro C. H. Crossman, instruisto, Box 51.

Provizore ne plu estas Delegito en *Lampman* (Kanado).

## LINGVAJ DEMANDOJ

### Pri fonetika alfabeto

Ni ricevis de S-ro de Saussure la jenan leteron:

Mi dankas „*Esperanto*" por la mallonga recenzo de mia franclingva broŝuro „*Les ‚tares' de l'Esperanto*". Via recenzisto diras: „S-ro de S. trafe refutas la plej oftajn kritikojn de la idistoj pri nia lingvo; sed kial do en la fino de sia laboro S-ro de S., rekaptita de la reformemo, proponas fonetikan alfabeton, kiu kripligas nian lingvon kaj donas al ĝi barbaran aspekton? ... Estas eraro kredi, ke reformo de la alfabeto ne estas reformo de la lingvo."

Permesu, ke mi aldonu la jenajn rimarkojn: post dekjara esploro de la reformdemando, mi publikigis „La Vort-strukturo en Esperanto", kiu definitive montras la logikon kaj superecon de Esperanto kontraŭ ĉiuj reformprojektoj, kaj mi publike deklaris, ke mi ne nur ĉesos diskuti pri nia lingvo, sed ke mi estas de nun plej konservema defendanto de la lingvo Zamenhofa. Ĉu povas tion konstati per

mia stilo en „Svisa Espero“ aŭ en mia lasta traduko „Adèle Kamm“. Mi do devas ripeti, ke reformo ortografia ne estas reformo lingva; ke, krom la tri vortoj *Ekscelenco, scienco, konscienco* (kiujn mi skribas *Ekselentso, sientso, konsientso*) mi konservas plej severe la Zamenhofan lingvon, kaj mi ne povas kompreni, kial via recenzisto opinias, ke formoj kiel candyo (ŝanĝo), cajno (ŝajno), tcambro (ĉambro), cawmo (ŝaŭmo), k. t. p. estas barbaraj? Li evidente juĝas tiel nur pro tio, ke li jam alkutimiĝis al la Zamenhofa skribmaniero; sed li demandu personon, kiu ne ankoraŭ lernis Esperanton, kio estas pli barbara: candyo, cawmo aŭ ŝanĝo, ŝaŭmo, kaj la respondo eble mirigos lin. Laŭ mia sperto, estas vera ĝuo skribi fonetike; oni sentas, ke la skribo ne plu mensogas, sed montras vere la elparolon. Tamen kompreneble, por atingi ĝustan opinion pri nova ortografio, oni devas ĝin eksperimenti lege kaj skribe dum almenaŭ unu monato.

La recenzo aperinta en via gazeto ne surprizis min, ĉar preskaŭ ĉiuj Esp. gazetoj malŝatas ĉiujn ajn reformproponojn, kaj pro tio ili ofte nur kritikas la plej kritikindajn aspektojn de la reformpropono kaj silentas pri la aprobinda parto. Sed granda estis mia miro konstati, ke en la sama N-ro aperis longa recenzo de broŝuro, titolita „Kion bezonas Esperanto“, ĵus publikigita de S-ro H. Sentis. Mi miris, ĉar via recenzisto diras: „Oni povas konsenti aŭ ne konsenti kun la proponoj de S-ro Sentis, sed oni devas allasi, ke li restas en la limoj de la lingva libereco permesata al Esperantistoj.“!

Mi ne volas diskuti tie ĉi la proponojn de S-ro Sentis; mi volas nur atentigi vian legantaron pri la diferenco inter liaj kaj la miaj: 1e multaj el la proponoj de S-ro S. estas bazitaj sur persona prefero, dum la miaj baziĝas nur sur la firmaj principoj de fonetiko; 2e la reformoj de S-ro S. estas dek- aŭ dudekfoje pli gravaj kaj pli danĝeraj ol la miaj, ĉar ili tuŝas la parolatan lingvon, kaj se oni komencus reformi kiel proponas S-ro S. oni baldaŭ tute ŝanĝus la lingvon, dum mia ortografia reformo ne tuŝas la parolatan lingvon, ne minacas ties unuecon kaj alportas veran profiton teorian kaj praktikan per fonetikeco de la skribo kaj forigo de la supersignoj.

Por tion pruvi, sufiĉas citi kelkajn frazojn, eltiritajn el la verketo de S-ro Sentis, kaj kompari ilin al la samaj frazoj, skribitaj per mia sistemo:

*Sentis*, p. 4: Ni devas riklami juĝon di arbitra komisio konsistanta je eminentoj.

*Antido:* Ni devas postuli judyon de arbitratsia komisiono konsistanta je eminentuloj.

*Sentis*, p. 6: La litero *ĥ* riprezentas sonon tre malfacile pronunceblan.

*Antido:* La litero *q* prezentas sonon tre malfatsile elparoleblan.

*Sentis*, p. 9: Tio estas expluato di homo da homo. — Oni propozis *par* kiel prepozicion uzendan post pasivaj verboj.

*Antido:* Tio estas ekspluato de homo per homo. — Oni proponis *par* kiel prepozitsion uzotan post pasivaj verboj.

*Sentis*, p. 29: Per mixo kun inerta poroza substanco, oni forigas la explodemon, konservante la explodivon.

*Antido:* Per mikso kun inerta pora substantso, oni forigas la eksplodemon, konservante la eksplodigeblon.

Tiuj citaĵoj sufiĉas por montri, ke S-ro Sentis serĉas perfektigon de Esperanto en la direkto de Ido. Kaj tion mi forte kontraŭstaras, ĉar Ido estas malsupera je Esperanto, kaj imito de Ido estas la plej danĝera formo de reformemo. Mi ne ĉesis kaj ne ĉesos, insisti pri tio, ke progreson de Esperanto oni devas serĉi en simplo, en reguleco kaj en fonetiko, do en direkto rekte kontraŭa al Ido, kiu serĉas progreson en subtilaĵoj, en komplikaĵoj kaj en blinda imito de la mallogikaĵoj de la naturaj lingvoj kaj de nia konvencia ortografio.

*Antido.*

## Respondo

S-ro de Saussure, „plej konservema defendanto de la lingvo Zamenhofa“, estas simila al la konservativuloj, kiuj havas anarkieman temperamenton: ili pro instinkto nevole detruas tion, kion ili pro racio volus konservi. Eĉ kiam li defendas Esperanton, S-ro de S. ne povas sin deteni proponi ŝanĝojn, kiuj ŝancelas la fundamenton de nia lingvo. Tiel estas nuntempe kun la alfabeto.[1] Vane li asertas, ke reformo ortografia ne estas reformo lingva, ĉar la parolata lingvo restas sama. Alfabeta ŝanĝo, same kiel gramatika aŭ vortara ŝanĝo, postulas de la lingvo-uzantoj, ke ili alprenu novajn kutimojn, novan rutinon. Pli ĝi grave malfaciligas la legadon de la ekzistantaj tekstoj. Kie do estas la diferenco?

Precipe en nia lingvo, kiu estas multe pli skribata kaj legata ol parolata, alfabeta reformo povas havi gravajn konsekvencojn, ĉar ĝi nepre kondukos al vortara reformo. Se iam oni skribus, laŭ la ortografio proponita de S-ro de S., *ekstsiti, ekstseso, tcerizo, tcarma, tsigaro, tsent, fatsiletso, dyustetso, felitca*, k. t. p., certe venos kritikantoj (eble Antido mem), kiuj opinios — prave — ke tiuj formoj estas pezaj, strangaj, komplikaj kaj ne internaciaj; por simpligi, ili do proponos, ke oni skribu *eksiti, ekseso, cerizo, carma, sigaro, sent, fasileso, yusteso, felica*, k. t. p., kiuj estas pli naturaj kaj pli simplaj. De ortografia reformo oni neeviteble transiros al vortara reformo. En artefarita lingvo, la alfabeto influas je la elekto de la vortoj. Se oni ŝanĝas ĝin, oni nepre estas alkondukata ŝanĝi la formon de multaj vortoj. Tion pruvas la ekzemplo de Ido.

Kreante Esperanton, D-ro Zamenhof atentis ne sole pri la fonetismo de la vortoj, sed ankaŭ pri ilia grafismo; li penis elekti formojn, kiuj laŭeble respektas ambaŭ. La reformo de S-ro de S. ŝancelas la tutan sistemon. Ekz.: la nuna vorto *ĝardeno* pro la grafismo estas facile rekonebla de la angloj kaj germanoj kaj pro la fonetismo la italoj kaj francoj ĝin ankaŭ rekonas. Se oni forigas la supersignon kaj skribas *dyardeno*, tiu profito malaperas. Tiam estus preferinde elekti *gardeno* aŭ *jardeno*. La vorto *ŝtono* rememorigas laŭsone al la germana *Stein* (elp.: ŝtejn) kaj laŭskribe al la angla *stone*. Kiu anglo rekonos ĝin sub la formo *ctono?* Se oni absolute volas forigi la supersignon, tiam estas pli racie, elekti *stono* aŭ alian vorton. *Ŝteli* estas laŭsone proksima al la germana *stehlen* (elp.: ŝtel'n) kaj grafike al la angla *steal*. Sub la formo *cteli*, la vorto ne plu estas rekonebla de la popoloj, el kies lingvoj ĝi estis prenita. *Stel'* estus ja pli bona, sed ĉar ĝi jam havas alian sencon en nia lingvo, estus necese ne sole iom ŝanĝi la formon de la vorto, sed elekti tute alian radikon. Tiajn ekzemplojn ni facile povus plimultigi.

En tiu rilato Esperanto ne estas simila al nacia lingvo, kiu jam havas sian „maksimuman“ publikon kaj vivas malgraŭ ĉiuj siaj nelogikaĵoj kaj strangaĵoj. Nur kelkaj miloj da homoj scias Esperanton, kaj ni dezirus, ke ĝin uzu milionoj. Por ke ili lernu ĝin, ni devas proponi al ili simplan, logikan lingvon, racie kunmetitan sistemon, ne ian filikaĵon aŭ hibridaĵon.

S-ro de S. miras, ke ni pri lia alfabeto diris, ke ĝi donas al la lingvo barbaran aspekton. Ĉu ni alie ol barbaraj povas nomi kombinojn kiel *tc* (tcambro, felitca, tcu!), *ts* (tsertetso), *ct* (pocto, ctelo), *dy* (ritcidyi, dyustidyi), *ctr* (ctrumpo), *qo* (qoro), kiuj estas tre maloftaj en la eŭropaj lingvoj kaj fariĝus tre oftaj en la lingvo reformita de Antido. Neniu volos akcepti por internacia komprenilo lingvon, kiu havas grafikajn formojn similajn al tiuj de afrika ĵargono!

Fine, S-ro de S. citas kelkajn frazojn el la de ni recenzita broŝuro de S-ro Sentis por montri, ke liaj tekstoj estas malpli ŝanĝitaj ol tiuj de S-ro Sentis. Lia malico konsistas el tio, ke el la broŝuro Sentis li elektas ĝuste la frazojn, ĉe kiuj estas ŝanĝoj! Por juĝi oni devus kompari plenan tekston, ne eltranĉitajn frazojn. Malgraŭ la kelkaj ŝanĝetoj — ne ĉiuj utilaj kaj aprobindaj — ĉiu Esperantisto facile povas legi la broŝuron de S-ro Sentis, dum li nur kun peno kaj streĉo povas digesti la „fonetikajn“ tekstojn de S-ro de S. (supozante, ke la unuaj linioj ne forprenis la deziron plue legi).

Cetere por kio plue diskuti? Antido jam elpensis, presigis kaj propagandis multajn plej diversajn reformojn, kiujn li sinsekve forlasis post pripenso aŭ nefavora akcepto ĉe la publiko. Sendube tiel okazos baldaŭ pri la fonetika alfabeto. Post kelka tempo nova cirkulero komunikos al ni, ke Antido fariĝis plej konservema defendanto de la alfabeto Zamenhofa. Dio volu, ke li tiam ne komencu reformi sian propran teorion pri derivado!

*H. H.*

* * *

[1] Por la personoj, kiuj ne ricevis la broŝuron de S-ro de S., ni sciigas, ke en lia proponita fonetika alfabeto ts = c; tc = ĉ; dy = ĝ; q = ĥ; y = ĵ; c = ŝ; w = ŭ. Ekzemplo: Tcu vi stsias, kie trovidyas la poctofitsejo? Dyi kucas en la tsentro de la viladyo.

Pri la sama temo S-ro D-ro Olŝvanger (Bern) sendas al ni la jenan noton:

„La sonoj ĉ kaj ĝ estas palataj sonoj. Palataj sonoj nomiĝas sonoj, kiujn oni elparolas, forte aligante la langon al la palato kaj tralasante la aeron inter la lango kaj la palato. Do ili estas memstaraj sonoj kaj ĉiuokaze ne povas esti komplekso de unu sono denta (t, d) kaj unu palata (ŝ, ĵ). Ni aŭdu, kion diras pri tiuj sonoj unu el la plej grandaj nuntempaj lingvistoj, Victor Henry, Prof. de la kompara gramatiko de la indogermanaj lingvoj en la universitato de Parizo. En sia konata libro „Elements de Sanscrit classique", Paris 1902, Henry skribas (paĝo 4):

„La palataj sonoj estas malnovaj gorĝaj sonoj, kiuj finvenis al la respektiva elparolado de la c kaj g italaj antaŭ e kaj i, ekz.: *cakara* li faris, *jagama* li iris, *proksimume* kiel *tchakara* kaj *djagama* laŭ franca valoro."

Do, proksimume, S-ro de S.! Sed fonetika alfabeto, kiun vi volas enkonduki, ne toleras „proksimumaĵojn"...

# Esperantia Parolejo

## Pri la deka Universala Kongreso

La personoj aliĝintaj al la deka Universala Kongreso de Esperanto, kiuj ricevas la gazeton „*France-Esperanto*", legis kun surprizo en la julia-aŭgusta N-ro, ke la Konstanta Komitato de la Kongresoj decidis dissendi al la aliĝintoj la dokumentojn koncernantajn tiun ne okazintan kongreson — kio certe estas aprobinda —, sed samtempe postulas de la ricevontoj la repagon de la poŝtelspezoj (Fr. —.55 por Francujo; Fr. 1.— por eksterlando) ĉar ĝi ne havas por tio la monrimedojn.

Mi miras pri tiu lasta decido, ĉar ĉiu kongresano pagis 15 Fr. por kongreskarto kaj neniam rericevis tiun sumon malgraŭ la neokazo de la kongreso. Certe, gravaj elspezoj estis faritaj kaj neniu protestos, se oni ne repagas la plenan kongreskarton al la aliĝintoj. Sed mi dubas, ĉu la jam faritaj elspezoj estas tiel altaj, ke oni eĉ ne povas sendi al la kongresanoj la dokumentojn afrankite.

Ĉiuokaze, ĉar tiu demando interesas multajn Esperantistojn, mi esprimas la deziron, ke oni baldaŭ publikigu la kalkulojn de tiu Kongreso. Neniu riproĉos la sindonemajn Parizajn samideanojn, ke ili ne povis sin okupi pri tio en la unuaj militmonatoj, sed nun pasis pli ol tri jaroj, do sufiĉe da tempo, por ke oni povu ordigi la financajn aferojn de la Kongreso kaj doni klarigojn al la Esperantistaro per tiu ĉi gazeto kaj la aliaj ankoraŭ aperantaj naciaj gazetoj Esp. *Kongresano.*

*Rim. de la Red.* — Rilate al la supre aludita decido de la K. K. K., sendi la dokumentojn nur kontraŭ pago de la afranko, mi deziras diri, ke, kvankam membro de la K. K. K., mi neniam estis demandita pri tio. — *H. H.*

# Alvokoj

## Por instruado al militkaptitoj

Por instruado al militkaptitoj, S-ro Fritz König (civilkaptito N-ro 8543, Camp II, Compound 3, Hut 4 b, Knockaloe Camp, Peel Isle of Man, Anglujo), kiu ricevis la permeson, fari paroladojn kaj kursojn pri Esp. en la kaptitejo, tre dezirus ricevi multe da Esp. literaturo kaj petas, ke tiuj, kiuj povas, sendu al li, ĉe la supre skribita adreso, legitajn librojn, gazetojn, broŝurojn, k. t. p.

## Peto al la interesuloj pri lernejaj aferoj

Multe priparolata inter la instruistaro estas la demando pri helpado aŭ gvidado de la studentoj al la ĝusta profesio. Kun plezuro mi ricevus de ĉiulandaj profesoroj kaj instruistoj informojn pri la maniero, laŭ kiu oni helpas la knabojn elekti, ekzemple, ĉarpentarton, meĥanikon aŭ agronomion. Mi danke ricevos ĉiujn leterojn kaj pro la p. m. sèndos respondkuponon.

*B. E. Myers,*
*Redwood City* (California, Usono).

## Esperantaĵoj

Oni petas ĉiujn societojn, kiuj eldonas gazetojn, ke ili bonvolu sendi ekzempleron al la nova grupo „Zamenhof" por riĉigi ĝian legotablon.

*E. G. Zamenhof,*
Str. 3 de Februo, *Zarate* (Buenos Aires, Argentino).

## Peto pri Esperantaĵoj

La nove fondita biblioteko de la Esp. Klubo Locarno (itallingva Svisujo) plezure ricevos Esp. librojn, gazetojn, propagandilojn, katalogojn, gvidlibrojn, cirkulerojn, reklamilojn, k. t. p. Kun antaŭa dako,

*Esperanto-Klubo Locarno* (Tiĉino, Svis.).

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Gauvin, Georges,** el Toulon (Franc.), vundita apud Monastir, mortis en Veria (Grekujo).

**Lusk, Robert,** membro N-ro 8851, el Bolton Haddington (Skotlando), mortis en Palestino.

**Lemarchand, André,** membro N-ro 9377, prez. de la Esp. Grupo en La Ciotat (Bouches-du-Rhône, Franc.).

**May, Arthur,** fondinto kaj prezidanto de la „Verda Stelo" en Frankenberg i. Sa.

**Niessen, Henri,** membro N-ro 1138, el Dijon, mortis post longa malsano ricevita ĉe la fronto.

**Thiele, Franz,** el Rudolstadt i. Thür.

* * *

Ni kun bedaŭro eksciis pri la morto de **Sinjorino Arnhold,** patrino de nia fervora samideano D-ro Arnhold en Dresden; de **Sinjorino Aurelie Elb,** edzino de nia mortinta samideano Leopold Elb kaj mem sindonema Esperantistino; de **Pastro C. Chambers,** fervora samideano el Londono.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dudek-unua listo*

*Cart, Adrien,* el Paris, nova adreso: franca internigito, Hotel du Golf, Montana (Valais, Svis.).

*Deniau, Lucien,* franca internigito, nova adreso: Hotel Schönegg, Kienthal (Bern, Svis.).

*Eschembrenner, Louis,* nova adreso: N-ro L. 10,219, Dolmetscher beim Revier, Lager Lechfeld (Bavar., German.).

*König, Fritz,* prisonner of war 8543, Camp II, Compound 3, Hut 4b, Knockaloe Camp, Peel (Isle of Man, Anglujo).

*Molnár, Béla,* el Hungario, Honved Inf. Reg. N-ro 22, Rotte 200, Barack 74, Beresowka Zabajkalsk (Orienta Siberio).

*Moret, F.,* el Bruay (Pas-de-Calais, Franc.), franca internigito, en Neuchâtel (Svis.).

*Pánczél, Rudolf,* el Csákberénz (Hungar.), hungara internigito, pension Barz, Davos (Svis.).

*Prenois, Eugène,* nova adreso: bloc 3, Mle 33,495, Minden in Westphalen F. K. 9 (German.).

*Rosenstock, Leon,* el Krakow, nova adreso: Urzum, gub. Vjatka (Rusujo).

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO